BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

### NEKROLOGO

Denove la morto forprenis de ni du fidelajn anojn.
La 10an de majo mortis en Amsterdam, post mallonga malsano, nia amiko Th. Wijnalda. Kamarado Wijnalda ĉiam estis preta doni siajn fortojn por nia movado. Sindone li projektis kaj desegnis la kapon por nia bulteno, esprimante en tiu desegnaĵo sian firman kredon pri la interfratiĝo de la tutmonda fervojistaro.

La 22an de majo subite mortis en Parizo nia kamarado A.N.Wissink. Kamarado Wissink havis specialan meriton kiel instruisto de la Amsterdama fervojista grupo. Konvinkita pri la grava rolo kiun povos ludi Esperanto ankaŭ por la fervojistoj, li ĉie kaj ĉiam propagandis por la lingvo kaj nia movado, kies ĉefestrarano li estis. El propaganda vidpunkto li amis partopreni niajn kongresojn, Fiŝiste vestita. Multaj kongrespartoprenintoj certe rememoros lin pro tio

Ambaŭ amikoj ripozu en paco.

### DANKON, AMIKOJ

Mortis nia plej modesta kaj plej obstina estrarano, kolego Antonius, Nicolaas Wissink. Korparalizo subite finis lian fruktedonan laboron poresperantan. La ĉefestraro de IFEF kaj la Amsterdama grupo perdis kamaradon kaj instruiston, malfacile anstataŭeblan.

Plej dolore estas, ke li trovis la morton malproksime de sia loĝloko; ke la amsterdamaj kolegoj, kun kiuj li tiom da jaroj laboris en bona harmonio, ne havis okazon akompani lin al lia lasta ripozejo en Parizo. Bona kolego, laborema kamarado ne plu estas inter ni.

La enterigon ĉeestis lia filo, lia ĉefestro sinjoro Doornwaard kiel reprezentanto de la fervoja direkcio, kaj mi.
Sinjoro Haarsma, la reprezentanto de la Nederlanda Fervojo en Parizo, faris multon favore al ĉi tiu delikata afero.

Ĝojiga travivaĵo en tiu cetere malĝoja tago estis, ke la Pariza kolegaro ne forgesis nian mortinton. Kun peno ili liberigis sin de sia laboro kaj dudekokope ĉeestis la enterigon.
Per bela grandformata florkrono ili esprimis sian simpation al kolego Wissink kaj per tio montris la harmonion kiu regas en nia fervojista familio. Dank' al tiu simpatia gesto de niaj francaj geamikoj la malĝojo dum tiu funebra kunesto perdis iom de sia dolora premo.

Nerefuteble ili pruvis sian fidon, sian ligitecon al la movado por kiu obstine kaj sen lace batalis nia mortinta kamarado.
Ke li ripozu en paco.

La Prezidanto.

## NIA 3A IFEF-KONGRESO

Malfacila estas la tasko prezenti al niaj gekolegoj en la mondo kompletan raporton pri nia kongreso en nia modesta organo, kies amplekso ne lasas al mi multe da spaco. Mi do tuj diru, ke nia 3a kongreso en Parizo estis brila el ĉiuj vidpunktoj kaj estis por ni la necesa stimulo daŭrigi la laboron al la finfina vanko. La nombro da partoprenintoj estis preskau la sama ol pasintjare (400) sed 11 landoj estis reprezentataj en nia kongreso. Nur mankis do la delegitoj el Aŭstralio Japanio pro la granda distanco kaj tiu el ĉeĥoslovakio pro aliaj malfacilaĵoj. Parizo kun la multaj stacidomoj englutis la kongresanojn post la alveno el diversaj direktoj kaj la akcepto estis bone organizita. Ricevinte en la kongresejo la kongresdokumentojn, inter kiuj la kongres libro, ĉiu estis ekzakte informita pri la kongresprogramo. Tiu programo estis zorge kunmetita kaj varia pro kio la amuza parto tute ne ĝenis la kongres laboron. Laŭdinda estis sendube la prepara kunsido de la IFEF- estraro kun la diverslandaj IFEF- delegitoj, kio montris la grandan utilon en la daŭro de la kongreso. Estis eble interŝanĝi la opiniojn pri diversaj aferoj, kio certe kontribuos al favora evoluo en nia organizo. Cetere ni povis konstati gravajn progresojn sur tiu ĉi tereno laŭ la spertoj en la antaŭaj kongresoj kaj tiamaniere ni iras la bonan vojon al pliperfektigo de nia organizo.

La interkonatiĝa vespero kreis la kutiman sferon de amikeco kaj ĝojo pri la revido. Estis tre agrabla kunestado dum kiu ni povis premi la manojn de multaj malnovaj konatuloj sed krome interkonatiĝi kun novaj gekolegoj. Tre ĝojigis nin la ĉeesto de multaj junaj gekolegoj el diversaj landoj.

Tute kontrasta estis la sfero dum la inaŭguro de la kongreso kiam F-ino Lemonnier nome de la LKK bonvenigis nin en la 3a IFEF-kongreso. La granda salono estis plenplena kiam ŝi dankis la honoran komitaton, kiu grave subtenis nian kongreson kaj direktis apartan dankon al Sro Mollion, ĝenerala Prez. de * Unuiĝo Arta kaj Intelekta de la Francaj Fervojistoj* kiu multe helpis atingi donace subvencion de tiu Unuiĝo. Per bonelektitaj vortoj ŝi memorigas la faktojn, kiuj kondukis al la fondo de EFEF menciante la du antaŭajn kongresojn, kiuj estas por ni neforgeseblaj.

Si esperas, ke ĉiuj ĝuu la festojn dum la kongrestagoj kaj havu la eblecon viziti la sennombrajn vidindaĵojn. Sed pripensu, ke tio nur estas ornamaĵo; la laboro en nia kongreso estas la celo por kio ni nun ĉeestas. Kun longdaŭra aplaŭdo la kongresanoj dankas la prezidantinon de la LKK pro la interesa kaj bonkora salutparolado post kio ŝi donas la parolon al la Prez. de IFEF.

Kore li bonvenigas la ĉeestantojn en nia 3a kongreso kaj ĝojas pri la subteno de tiom da eminentuloj pro kio li speciale dankas la LKK-on kaj laŭdas ĝin pro la giganta laboro farita. Estu vi, gelaborintoj en la LKK kaj via aro da gehelpantoj, certaj, ke ni alte taksas vian gravan laboron. Detale li informas pri la progresoj en nia juna organizo kaj konstatis kun ĝojo konstantan kreskadon. Dekkvar landoj kun pli ol 700 geanoj nun aliĝis al IFEF, ekster Eŭropo ni havas fidelajn membrojn en Aŭstralio kaj Japanujo kaj la aktiveco estas ĝenerala. Grava estas la laboro por kiu nia germana kolego Pape oferis multe da tempo kaj senlace laboris. La terminara komitato ja faris jam multe. S-ro Pape akceptu pro tio multe da danko. Ankaŭ ni tutkore dankas la S-ojn Rosher en Britio, Rebiĉek kun liaj kunhelpantoj en ĉeĥoslovakio, Lienhardt kaj Blin en Francio kaj Simon kaj Hell en Germanio pro la gravaj kaj alttaksataj kontribuaĵoj al nia teknika vortaro. Bedaŭrinde kelkaj fidelaj anoj mortis en la pasinta jaro, nia antaŭa redaktoro D.Muller, la fidela ano Wynalda kaj tri sindonemaj aŭstroj.Afable mi petas al vi ekstari por honori ilin dum kelkaj minutoj.

Multe ankoraŭ restas por deziri, por tio estas niaj kongresoj.Mi petas al vi ĉiuj , ke ni en tiu ĉi kongreso amike agadu. Denove mi kore bonvenigas vin ĉiujn kaj deklaras la kongreson malfermita.

F-ino Lemonnier kore bonvenigas S-ron Mollion, kiu petas senkulpigon pro la malfruiĝo.France le salutas la kongreson. Mi admiras vian lingvon, preskaŭ ne estas kompreneble por mi, ke homoj el 11 diversaj landoj parolas nur unu lingvon kaj bonege interkompreniĝas. Volonte mi akceptis lokon en la honora komitato kaj

rimarkas, ke via kongreso estas brila. Ke estas firma kontakto inter la fervojistoj diverslandaj, nur povas esti bona por la fervojoj. El socia vidpunkto via lingvo estas tre grava. Tial mi forte subtenas vian laboron, kiu estas intelekta kaj eduka. Kun granda simpatio mi sekvas vian laboron ĉar mia ankaŭ mia idealo estas atingi la pacon.
La landaj delegitoj: Parry (Britio), Christoffersen (Danio), Ruhanainen (Finlando), Schuchmann (Germanio), Spadafora (Italio), Becker (Nederlando), Bipp (Svisio), Carlssen (Norvegio), Olhson (Svedio), Hawla (Aŭstrio), salutas la kongreson.
**Parry** dankas la **LKK**-on pro la kora akcepto kaj salutas la kongreson. **Christoffersen** ĝojas, ke la kongreso estas en Parizo kaj salutas la kongreson tutkore en la nomo de la Danaj gekolegoj. **Ruhanainen** diras, ke estas agrable esti en la kongreso kaj salutas ĝin nome de la Finnaj gekolegoj. **Schuchmann** Kortuŝe alparolas la kongreson. Estas granda miraklo esti inter fervojistoj ordinare parolantaj tiom da gepatraj lingvoj kaj kiuj nun unu kaj la saman lingvon parolas kaj plene komprenas unu la aliajn. En kunveno de ministroj oni bezonas tiom multe da interpretistoj, ke tio estas dormiga afero. Kiam okazas teknika invento la ĉefoj el diverslandoj kunvenas por pristudi ĝin, sed la plej grandan miraklon, nian lingvon, oni apenaŭ atentas. Multe oni elspezas por sporto kaj aliaj aferoj, nia devo do estu frapi la pordojn de la fervojaj adminstraciejoj kaj veki la estrojn el la ŝtonepoka dormo. Ni devas atingi subvencion laŭ la longeco de la fervojlinioj en la respektivaj landoj, mi opinias ekzemple por ĉiu K.M-o Usonan Dolaron. Nome de multaj organizoj li transdonas la salutojn, krome nome de la Direkcio de la Sud-Orienta fervojo Germana.
**Spadafora** salutas la kongreson ankaŭ nome de la Landa Esp-Organizo. Li dankas pro la agrabla akcepto de la Italoj kaj estas certa, ke nia movado en Italio disvastiĝos. **Becker** salutas la kongreson esperante, ke ĝi estu sukcesplena. Diraĵo en la nederlanda lingvo estas, ke sunbrilo estas bona signo kaj atentu, la suna brilas. En la sekvonta kongreso ni estu milope. **Carlssen** salutas la kongreson, ankaŭ en la nomo de la landa E- organizo, la prezidanto de la Norvega Sindikato kaj la tuta fervojistaro en Norvegio. Nia tasko estas disvastigi nian movadon, dankas la LKK kaj deziras al la kongreso sukceson. **Ohlsson** dankas la LKK kaj salutas la kongreson nome de la Sveda E- Asocio. **Hawla** Salutas la kongreson kaj transdonas la salutojn de la General-Direkcio de la Aŭstria Fervojentrepreno. En Aŭstrio la rondo kreskas kaj li esperas, ke la membronombro en la venontjara kongreso estu la duoblo de la nuna. **Barthelmes**, la reprezentanto de SAT, salutas la kongreson kun granda simpatio. Al la kongresanaro li konsilas ne nur atenti la vidindaĵojn laŭ turisma vidpunkto sed ankaŭ la laboristan vivon en Parizo. **Dro Lapenna**, estrarano de UEA, salutas la kongreson kaj deziras al ĝi bonan sukceson. Fakaj organizoj estas laŭ lia opinio tre gravaj ĉar ili bone kontribuas al la tuta movado. En ĉiu gepatra lingvo la anoj uzas nur malgrandan parton el la vortoj sed plena lingvo necesas. Nur fakuloj povassur sia tereno solvi la problemon de la teknikaj vortoj por ke per nia lingvo estu eble, ke la samfakuloj povu interŝanĝi iliajn pensojn. Al la kongreso li dezeiras bonan sukceson kaj fruktedonan laboron.
La Prez. dankas la parolintojn el la diversaj landoj kaj tiujn de SAT kaj UEA. Grava por ni estas la ĉeesto de Sro Mollion, kiun li tre kore dankas. Montriĝas jam, ke nia movado estas taŭga. Neniam ni forgesu Dron Zamenhof kaj laboru laŭ lia ekzemplo por nia paca celo.
Post la impona malfermo de la kongreso la kongresanoj per multaj aŭtobusoj faris veturadon tra Parizo por admiri la nenombreblajn vidindaĵojn en tiu metropolo. Vespere la programo invitis nin al varietea vespero kun fervojistaj geaktoroj. Kunlaboris i.a. la konata trupo de *Raymond Schwartz. Estis neforgesebla vespero, kiu montris al ni, ke la Parizaj geamikoj desponas pri bonega materialo por suksesigi la amuzan parton.

Bedaŭrinde la teknika parto en la programo, la vizito al la lokomotivpruvejo en Vitry, pli malpli malsukcesis pro difektiĝo de maŝino. Ni tamen havis tre bonan impreson pri la funkciado pro la teknikaj klarigoj pere de la grandaj desegnaĵoj en la instruejo. La internacia balo donis grandan ĝojon al la dancemaj kongresanoj, dume oni prezentis folklorajn dancojn, kiuj rikoltis grandan sukceson.
Fotografado okazis dum la paŭzo inter la du laborkunsidoj je la 19a de Majo kaj la bildoj sendube estu por ni agrablaj memoraĵoj pri nia 3a IFEF- Kongreso.
Dimanĉe ni ĝuis tuttagan ekskurson en la ĉirkaŭaĵo Pariza. Per aŭtobusoj ni vizitis la plej belajn partojn kaj tutcerte tiu ekskurso kontentigis ĉiujn. La post-

kongresa ekskurso al Epernay kronis la intiman kunestadon. Post la vizito al la famkonataj vinkeloj la kongresanoj kolektiĝis en la granda kantino fervoja al komuna tagmanĝo, kie regis gaja sfero. La Urbestro de Epernay bonvenigis nin kaj honoris nin per altabliĝo en nia mezo. Menciinda estas la fakto, ke la urbestro ankaŭ estas fervojisto sekve tuj sentis la familian sferon en nia rondo.
Kiam mi nun devas prezenti al niaj gekolegoj en la tuta mondo ĝeneralan superrigardon pri nia 3a kongreso, tiam mi nur povas diri unuvorte, ĝi estis brila. Ankaŭ ĉiloke ni malsarĝu niajn korojn kaj tutkore danki la LKK-anojn kaj ĝiajn gehelpantojn pro la kora akcepto de nia kongreso kaj pro la ĝuplenaj tagoj al ni prezentitaj. Al niaj gekolegoj en Epernay nian tutkoran dankon pro la sukcesplena aranĝo de la postkongresa ekskurso.
Vivu Esperanto!
Vivu nia Internacia Organizo, I.F.E.F.!
La sekr.: J.L.

## BONA PROPAGANDO

Nia amiko L.Dukes skribas al ni:
*Dum mi estis en Parizo mi skribis al la Redaktoro de mia hejmurba ĵurnalo, *The West Herts Post*, kelkajn vortojn pri la IFEF-kongreso, kaj li bonkore publikigis ilin. Tio estas bona, ĉu ne ? Ĉar krom la persona flanko en la paragrafo estas ankaŭ iom da propagando pri IFEF, kiun oni publikigas senpage!! Do eble estus bona ideo se la kongresanoj estontaj skribus al siaj lokaj ĵurnaloj sammaniere.
Permesu al mi uzi ĉi tiun okazon per kore danki kaj gratuli IFEF pro la tre bona kongreso en Parizo. Estis por mi tre ĝuinda afero, kaj eĉ nuntempe mi antaŭen regardas al *La Kvara*.

Ni gratulas kolegon Dukes pro la sukceso kiun rikoltis lia aktiveco, kaj ni rekomendas lian bonan ekzemplon al niaj anoj.

## FERN-LUSTROMO

La 13an kaj 14an de septembro 1951 la Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda (FERN) festos sian unuan lustrumon.
Kiel unu el la landaj rondoj aliĝintaj al IFEF ĝi kore invitas al la jubilea festo en septembro, gekolegojn el la aliaj landaj rondoj.
La O.K.K. garantias al ĉiuj agrablajn tagojn.
Anoncu vin antaŭ la 15a de aŭgusto ĉe la sekretario de la O.K.K. kolego K.Brouwer, Schutstraat 36 bis, UTRECHT, NEDERLANDO.

## SUBVENCIOJ POR NIA BULTENO

Novaj enspezoj (antaŭa listo en la maja bulteno)
E.Crowe, Aŭstralio f.0.20; Itala rondo 1.80; O.Ohlson, Svedio 1.00; Pytloun, Ĉeĥoslovako 0.20; Nao Nobuki, Japanio 0.20; Tandlund, Svedio 2.30; Perry, Aŭstralio 0.10; Venditaj Bultenoj No.4 0.50; H.Hoen, Amsterdam 1.00; Mayer 0.40; Bergler 0.10 Chrochet 0.20; H.Graff. Svisio 2.00; Norvega grupo *NEFA* 26.52
Danke ni kvitancas ĉi suprajn donacojn, kiuj ebligas al ni daŭrigi la eldonadon de la Bulteno en ĝia nuna formo.

## PERDITA FOTOGRAFILO

Nia kolego W.F.Hoogendijk, Pinksterbloemstraat 13, Alkmaar, Nederlando, perdis sian fotografilon (box) post vizito al Eperney.
Eblas ke li postlasis ĝin en la kantino, aŭ en la vagonaro.
Tiuj, kiuj povas doni informojn pri la perdita aparato, bonvolu rekte skribi al kolego Hoogendijk.

## DEZIRAS KORESPONDI

Kolego A.Blickman, Schouwstraat 16, Amsterdam N., Nederlando
Li interesiĝnas pri Akvarioj, Tropikaj fiŝoj, k.t.p.

Komencantoj de la Utrechta grupo deziras praktiki sian komen per korespondado. Skribu multnombre a kolega J.A.Vermaak, Rijnlaan 197, Utrecht, Nederlando. Respondo estas garantiata.